


Novaĵletero - N-ro **6**, Junio/2001


# AktivAmeriko

## Kongresa Rezolucio




***Rekomendoj por la disvolvado de la Amerika Esperanto-Movado, el la 5-a Tut-Amerika Kongreso de Esperanto, Meksikurbo 15-21 aprilo 2001.***

Ni, Esperantistoj el 29 landoj de Ameriko kaj de aliaj mondopartoj, aŭdinte raportojn pri la stato de la Esperanto-Movado en Ameriko kaj pridiskutinte ideojn por ĝia progresigo,

*konstatas*

- ke ekzistas kreskanta intereso pri regiona kunlaboro en Ameriko;
- ke, malgraŭ tio, malmultaj aktivuloj aŭ asocioj bone konas la Movadon en aliaj landoj;
- ke pli bona reciproka kono kaj kunlaboro povus multe helpi ne nur pri la disvastigo de Esperanto, sed ankaŭ pri ĝia uzado por interkulturaj celoj;

*kaj sekve rekomendas*

- ke la plej fortaj landaj asocioj de la regiono, en Brazilo, Kubo kaj Usono, dediĉu parton de sia agadprogramo al plifortigo de la regiona kunlaboro;
- ke oni konsideru interalie (1) la regulan interŝanĝadon de informoj kaj ideoj per Interreto kaj diskutliste kaj TTT-paĝe; (2) la plivastigon de Brazila Esperantisto al tutkontinenta revuo; (3) la gastigadon de aktivuloj el aliaj landaj movadoj; (4) la organizadon de trejnseminarioj pri informado, instruado kaj aplikado de Esperanto
- ke ĉiuj landaj asocioj provu kunordigi sian agadprogramon kun la laborplano de la UEA-Komisiono por Ameriko 2000-2010;
- ke ĉiuj Landaj Asocioj kunlaboru pli aktive kaj celkonscie en la Komitato de UEA, interalie per reciproka konsultado de la amerikaj komitatanoj kaj per la subteno kaj antaŭenigo de proponoj por reformi la strukturon kaj tagordon de la komitatkunsidoj por ke tiuj pli bone respondu al la interesoj kaj prioritatoj de la regiona kaj landa agado.

La **Laborplanon de la Komisiono** vi povos legi ĉe la hejmpaĝo de la Komisiono.

***Karaj legantoj,***

Tiuj, kiuj partoprenis en la 5-a Tutamerika Kongreso en Meksiko reiris hejmen feliĉaj pro la bonega etoso, pro la rezultoj el la laborkunsidoj, pro la novaj kontaktoj kontinentaj kaj transkontinentaj. Certe ĉiuj jam ekpensas pri la 6-a TAKE, en Kubo...
Intertempe tamen estas tempo pensi pri Zagrebo, la ĉijara kaj la venontjara Universalaj Kongresoj, kie amerikanoj denove renkontiĝos kaj aktivos.

***La Redaktanto***

## Mire kaj admire

Onidire, TAKE estas mallongigo de Tutamerika Kongreso de Esperanto. Tio ne veras! TAKE ja signifas Tutmonda, Admirinda, Kulturriĉa, Entuziasmiga! Jam dum la inaŭguro, salutante nome de UEA, mi diris mian emocion pro la varma akcepto flughavena kaj la dorlotado dum la unuaj tagoj, sed poste emocio transformiĝis al admiro kaj miro, pro la riĉa programo kaj perfekta organizado.
Ekster la oficiala programo mi povis interkonatiĝi kun la motoroj de movadoj ne sufiĉe konataj, kiel la nikaragva, la hondurasa, la kolombia, la venezuela, aŭskulti iliajn problemojn, klopodi trovi manierojn por ke UEA helpu ilian plifortigon kaj videbligon sur la monda scenejo. Ekzemple ni planis iun kunlaboran grupon inter la forta kaj establita movado de Kubo kaj la aliaj hispanlingvaj najbare al la insulo: inter iliaj ŝtatoj ne ekzistas vizaj problemoj.

**Michela Lipari**,
*ĝenerala sekretario de UEA*
en revuo *Esperanto*, majo 2001 (1136)




**Dulandaj Memoroj pere de Esperanto**

Schio (Skio) Esperanto-Klubo (Italio) planas kolekti per Esperanto informojn pri la historio de elmigrintoj el sia regiono. Ĉirkaŭ 27 mil homoj elmigris el tiu parto de Italio al Brazilo inter 1884 kaj 1893. La klubanoj opinias, ke Esperanto povas esti ponto inter Brazilo kaj Vicenza por saluti la idojn de elmigrintoj kaj peti de ili elmigrajn historiojn, memorojn, esperojn. La celo estas diskonigi tiujn faktojn, ĉar multaj junuloj ne konas la historion de la itala elmigrado.
La klubo deziras ricevi ankaŭ poeziojn, kantojn, k.t.p., en "talian"-lingvo, la antikva veneta dialekto de niaj avoj.

SCHIO ESPERANTO KLUBO,
ĉe Eliana Sessegolo
Via San Giorgio,29 IT-36015-Schio (Vicenza)

## Esperantumo kaj Kulturo en neforgesebla Kongreso! de Ricardo Carrillo (Kolombio)

Tre malfacile mi povas esprimi per vortoj tian amuzan, amikecan, ĝuigan kaj afablegan etoson kiel la travivita en Meksiko, dum la ĵus pasinta Kvina Tutamerika Kongreso de Esperanto. Unue, la granda gastigemo kaj sindono de la gemeksikanoj bele impresis min. Tio certe helpis la sukceson de tiu evento.

Dum la antaŭa semajno al tiu kongresa, mi ricevis kelkajn samideanojn en la flughaveno, sed bedaŭrinde kelkaj ne vidis min! Ho ve! Mi faris etan verdan flagon, kaj post tiam, kiam mi informiĝis pri tiu problemo, mi do faris grandan verdan flagon, multe pli videblan por miaj karaj alvenintaj samideanoj. Sed tio tute ne estis problemo, ĉio iris enorde. Dum tiuj tagoj, mi kaj mia samlandano Jimmer Vasquez helpis la LKK-anojn pretigi lastminutajn aferojn por la kongreso. Kiom da entuziasmo kaj nervo!

Dimanĉe ni interkonatiĝis kun la aliaj gesamideanoj kaj komencis travivi tiun amikecan etoson propran de Esperantaj eventoj. S-ro Atilio Orellana Rojas komencis prelegi kaj diskutrondi pri la E-movado, kun tre interesaj temoj por ĉiuj spektantoj. Venonte, ĉiuj programeroj estis ege interesaj kaj buntaj, kiel la interkona vespero, kiam multaj artistaj kongresanoj donacis multe da ĝojo al la aliaj. Ni lernis kanzonetojn, dancojn, rakontojn, poemojn kaj tre amuzan ridigon (skeĉo) fare de la kubanoj. La klasoj pri dancoj daŭris multe (ĝis frumateno!).

La oficiala malfermo havis tre interesan indiĝenan ceremonion kaj la parolojn de gravuloj tieaj: s-ino Michela Lipari (ĝen. sek. de UEA), s-ro Atilio Orellana Rojas (UEA-komisiito por Ameriko), s-ino Leonora Torres (prez. de MEF-Meksika E-Fed.), Vladka Chvatalová (ĝen. sek. de TEJO) kaj reprezentantoj de la registaro de Meksikurbo. La prelegoj pri diversaj temoj, estonteco de nia movado, endokrinologio, arkitekturo, filatelo, historio, junulara movado, naciaj movadoj, kurso de la naŭatla lingvo, Cseh-metodo, ekzamenoj... Okazis tre grava prezentado de la libro "Tra l'okuloj de l'venkitoj", de grava meksika verkisto d-ro Portilla, esperantigita de d-ro Juan Jakobo Schmitter-Soto. La verkisto mem legis mesaĝon en esperanto kaj montriĝis tre interesata pri nia kara lingvo kaj la diskriminacio rilate al la lingvoj en la mondo.

Dum la meksika vespero, kun tipaj meksikaj muziko, dancoj kaj vestaĵoj, kelkaj samideanoj dancis sur la scenejo! Tre amuze! El programero de ĉambro-muziko, tre bela, mi speciale memoras eron nomatan "La kato kiu dancas valson", pro ŝerco, kiun poste faris Jimmer (la sono de la violono ja estis ege simila al tiu de kato).

En ekskurso ni promenis tra la kanaloj de Xochimilco (soĉimilko), beleta loko kiun ni laŭiris sur tipaj boatoj alinomitaj speciale por la okazo: "Ludoviko", "Klara", "Esperanto" kaj "MEF". Ni ekskursis ankaŭ al Teotiuakan', tre fama kaj mirinda loko, plena je piramidoj kaj manfaraĵoj aĉetindaj. Sekvante Ruben "Indiana" Torres, ni riskis eniri la sunan piramidon per flanka enirejo, en tre malhela tunelo, tre memorinda sperto! Ni vizitis ankaŭ multajn belajn lokojn kaj muzeojn de ĉefurba urbocentro. Eksterkongrese, ni tagmanĝis kune, vizitis aliajn lokojn kaj retumis ĉe la retkafejo "Esperanto" - jes, ĝi troviĝas nur unu blokoon for de la kongresejo, kaj ties estro (neesperantisto) rakontis al ni pri ĝia nomo!

Je la solena fermo, kun multaj gratuloj pro la sukcesa kongreso, atestiloj al la partoprenintoj, fotoj, ridetoj.. Kubo oficiale anoncis sin kiel venonta organizanto de TAKE! Ek al la oficiala bankedo, kiam ni profitis muzikbandon kaj dancis la tutan nokton, tre amuze, je rondoj, grupaj dancoj...

La 22n de aprilo, dimanĉe, kiam ni vizitis la Antropologian Muzeon, tre granda kaj mirinda loko; persone, mi ĉeestis tie dum pli ol tri horoj, multon lernante pri tutamerikaj kulturoj, ĉefe indiĝenaj el Meksiko. La plej mirinda muzeaĵo certe estas la Azteka Suna Ŝtono (Azteka Zodiako), tre fama kaj grava antropologiaĵo.

La 23an, lunde, ni komencis la postkongresan ekskurson, rekte al Oaxaca.... nu, certe mi ne devas diri "ni", ĉar mi kaj Jimmer atingis la hotelon tre malakurate (kvankam ni eliris frue el nia gastigejo, sed pro tio ke estis plej trafika horo, nek per taksio, nek per metroo, nek per kurado ni atingis ĝin akurate... nekredeble). Tio ĝenis ĉiujn multe, sed Amanda estis tiom priokupita, ke ŝi igis la ŝoforon reveni al la hotelo (kiam la buso ja estis survoje al Oaxaca)... sed ni ankoraŭ ne alvenis. Mi profitas la okazon por pardonpeti pro tio.

> (...) *Mia persona impreso estas, ke multe pli bone ol en Eŭropo funkciis la kunĉeesto de gejunuloj kune kun la pli frue naskiĝintaj. Tion montris ekzemple la vespero/nokto, en kiu gejunuloj instruis al si reciproke (sen muziko!) siajn naciajn dancojn kaj pluraj pli aĝaj rigardis ilin kun granda interesiĝo...*
>
> laŜ raporto de **Vladka Chvatalova**, Ĝenerala Sekretario de TEJO, pri la 5-a TAKE-Meksiko

Ĉiukaze, mi kaj Jimmer atingis Oaxacan per alia buso. Marde, ni vizitis la vilaĝon Mitla, vidis ruinaĵojn kaj vizitis tipan familian entreprenon pri drinkaĵo nomata Mezkal', el agavo. Mi iĝis tradukisto samtempa (estis mia nurunua sperto tia, verŝajne mi sukcesis) kaj vidis la plej dikan arbon en la kontinento (eĉ en la mondo). Ni vizitis la ruinaĵojn kaj piramidojn en Monte Alban, tre bela loko, certe oni povas sperti pacan kaj legendan indiĝenan ejon. Mi ekkonis praan sportejon, kie la indiĝenoj ludis la "pilkan ludon". Sed tio ne estis kiel hodiaŭa ludo, ili adoris siajn diojn kaj la pilko trairis la sportejon kiel la suno trairas la spacon. Tio do estis religia evento por ili.

Kaj jen la fino de la paradiza tempo! Revene al mia ĉiutaga vivo... ve! Certe mi revas pri la venonta Esperanta evento kiam ni travivos denove tian etoson, plena je verdaj koroj. Dankon Zamĉjo! Kaj vivantaj anĝeloj!

## Interŝanĝo de lingvo-lernantoj

Julio Calegari (Brazilo) serĉas interesatojn kaj kunlaborantojn por organizi la samon en aliaj landoj! Temas pri interŝanĝo de lingvolernantoj, laŭ la sama modelo, en kiu oni vojaĝas al aliaj landoj por loĝi dumtempe ĉe familio kaj lerni la lokan lingvon.
Novaĵo en tiu ĉi ideo estas la E-publiko, kiu vojaĝus kaj pere de esperanto lernus la alian lingvon. Brazila esperanto-instruisto instruus la portugalan al eksterlandaj esperantistoj dum unu monato en Brazilo. La gastigado okazus ĉe familio, en kiu almenaŭ de unu jaro estas esperantisto.
Ordinare, studi eksterlande pere de turismagentejo kaj internacia lernejoj estas multekoste. Kun la helpo de E-Asocioj (per la strukturo) kaj aliaj geesperantistoj gastigemaj (se necese, kontraŭ ne alta pago) tio povus fariĝi pli facila afero por gejunuloj.
La iniciatinto serĉas kunlaborantojn por la projekto:

Julio Calegari - Caixa Postal 60084 - São Paulo
BR-05033-970 - Brazilo -
Rete: araukan@hotmail.com

## Diskutlisto por junaj amerikanoj?!

http://www.egroups.com/group/amikoj-tra-ameriko

## KOLOMBEJO: Pli da birdoj en la Esperanto-ĉielo

La junulara movado en Kolombio viglas multe kaj malgraŭ sia juneco, ĝi movadas multe kaj fruktodonas iom post iom, pli kaj pli. La grupo de Bogoto partoprenas kurson ĉiusabatan ege entuziasme kaj la afero progresas tiukampe. Krome, ĝi ekakiros Juran Personecon.

Ni pretigas kulturajn programerojn por la venonta Nacia Kongreso okazonta en Fusagasugá, kune kun tiea grupo, ankaŭ junulara kaj tre agema. Ni komencos kontakti organizojn serĉonte apogon al nia movado, kaj tiam ni disvastigos nian karan lingvon kiel eble plej bone. La grupoj en Tuluo kaj Kalio jam survojas kaj sukcese agadas favore la disvastigadon de Esperanto. Ili jam havas la apogon de la plenkreskuloj, same kiel iu grupo en Kolombio. Tre bunte ili okazigas programojn ĉiusemajne kaj eĉ havas sideojn en famaj kulturaj centroj de la urboj. Jam kontaktiĝis junuloj en Medeĝino kaj Ibageo, kiuj tre volonte starigos grupojn kiujn ni apogos naciskale. Kontaktoj en la norda marbordo ankaŭ jam survojas kaj esperebl oni baldaŭ havos novaĵojn.

La kolombia E-junularo pruvas sian maturecon. Nia organizo petis aliĝon kiel Landa Sekcio de TEJO kaj ties Komitato analizos la peton dum IJK 2001.

**Rikardo Carrillo**
Prezidanto de KOLOMBEJO
Kolombia Esperanta Junulara Organizo

Fine de 2000, Brazila E-Ligo aldonis al sia aliĝilo la eblecon donaci al Fonda?o Ameriko de UEA samtempe kun pago de BEL-jarkotizo. Tial multaj brazilanoj faris donacojn, foje kiel rondciferigp de pago. Ni konsideras ĉian helpon grava, senkonsidere de la sumo donacita, ĉar plej valora estas la simpla konscio, ke la celoj de Agado Amerika ja estas indaj!

### Donacoj al FONDAĴO AMERIKO de UEA

(sumoj en eŭroj registritaj ĝis la 30-a de aprilo)
Aŭstralio: H. Green 25,00 Belgio: J. C. Thumerelle 14,87 Brazilo: M. T. Abreu 5,35; L. de Almeida Castro 5,35; J. Calegari 5,35; R. Conde 10,70; J. F. Furtado 1,00; G. R. Ledon 18,20; S. S. Ledon 143,06; C. D. M. Lemos 120,00; R. M. M. Lemos 120,00; C. Maria 5,35; P. V. da Mota 16,00; I. S. Peçanha 38,00; J. R. Piton 79,50; J. M. Progiante 8,50; M. Borges dos Santos 26,70; H. Schenk 5,35; J. R. da Silva 13,90; O. H. Taqueia 5,35; A. Vuicik 2,70 Francio: (amonime) 370,93; M. Sujet 30,00 Italio: R. Corsetti 21,92; V. Madella 51,64 Kroatio: S. Bokulic' 45,38 Nederlando: Fam. R. H. Bossong 68,07 Svedio: J. Hammarberg 67,19 Svislando: L. Ortelli 14,41 Usono: A. Bennett 54,29; P. Cook 54,29; E. Eddy 108,58; R. Grossman 108,58; L. Harmon 21,28; L. Kerr 325,72; A. Meade 10,86; I. Onet 10,86; J. Spickler 42,55; D. Vallon-Wheeler 217,16; W. R. Harmon 100,00 Venezuelo: J. E. Bachrich 140,98 *(laŭ Oficiala Informilo de UEA)*.

**Koran dankon al ĉiuj donacintoj!**

Donacojn oni povas sendi al landa kotizperanto aŭ rekte al **Centra Oficejo de UEA Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando**. La manierojn transpagi vi trovos en la paĝo 40 de Jarlibro 2000. Ne forgesu klare indiki, ke via donaco celas FONDAĴON AMERIKON. Antaŭdankon!

### ESPERANTO KORESPONDA SERVO

Enrique Ellemberg, argentinano, kiu loĝas en Usono, estas kunordiganto de diversaj hejmpaĝoj. Inter ili, la perrete funkcianta "Esperanto Koresponda Servo"
http://members.aol.com/enrike/ekspeto.htm

**ONI FARIS TRE MULTAJN FOTOJN PRI LA KVINA TUTAMERIKA KONGRESO DE ESPERANTO!**




http://web.mit.edu/quark/Public/meksiko
http://take2001.8k.com
http://br.geocities.com/ctcampinas/take2001

EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND'

**Argentino**

Lastaprile, Argentina E-Ligo elektis novan estraron, sub la gvido de Rubén Diaconu Tkachenco. Por instigi la progresadon de instruado, AEL organizos elementan kurson gvidatan de novaj instruistoj kaj la nunaj instruistoj trejniĝos por superaj kursoj.

En Córdoba kreiĝis INSTITUTO DE LENGUA INTERNACIONAL ESPERANTO (d-ro Marcelo Casartelli - Avda. Colón 533 Piso 9º Dto. �A� - 5000 Córdoba.
**http://www.geocities.com/casartelli/Instituto-Esperanto.html**

**Brazilo**

Post urba leĝo por instigo de E-instruado al lernejanoj, en Ubá prof-ro Wâner M. Arruda (waner@ubanet.com.br) estis oficiale dungita (de la urba instanco por la infanaj rajtoj) por instrui infanojn en la 3-a kaj 4-a klasoj de la urbaj lernejo (9/10-jaruloj).

En nova vestaĵo, kun multaj koloroj, moderna aranĝo kaj diversa laŭ enhavo, la tradicia revuo "Brazila E-isto" kaptis la atenton de siaj legantoj kaj de la internacia E-gazetaro. La revuo (4-foje jare) estas abonebla eksterlande kontraŭ 20 usonaj dolaroj, pagendaj al la konto de Brazila E-Ligo ĉe UEA.

**Kolombio**

La aktiva Rikardo Carrillo diskonigas plian iniciaton, nome diskutliston por studentoj pri Medicino, kuracistoj kaj ĉiuj interesatoj pri Medicino. Por aliĝi oni sendu malplenan mesaĝon al medicino-subscribe@yahoogroups.com
Ĝia hejmpaĝo:
**http://www.geocities.com/medicinostudento**

**Peruo**

**http://www.geocities.com/amikoj** estas la adreso por landa retrevuo en esperanto/hispana, sub la zorgoj de Julio E. Zevallos Gómez.

**Venezuelo**

Estrarano de Venezuela E-Asocio, prof-ro Johano Negrete, estis intervjuita pri Esperanto kaj la angla lingvo en Radio Magica dum duonhora programo de Gia Bertoni, "La Kafejo de Gia". Prof-ro Negrete klarigis la avantaĝojn de Esp-o kiel Internacia Lingvo kaj ankaŭ sukcesis anonci la novajn kursojn kiuj baldaŭ komenciĝos en la ĉefurba sidejo de VEA.
La sidejo estis antaŭnelonge inaŭgurita, kun ĉeesto de edukaj kaj kulturaj personoj de la venezuela ĉefurbo. Festparolis la prezidanto de la Asocio, prof-ro Jorge C. Mosonyi kiu samtempe anoncis la komencon de 3 paralelaj kursoj. La gastoj, esperantistoj kaj ĉeestantaj ĵurnalistoj de karakasaj kaj enlandaj amaskomunikiloj, tostis por la sukceso de la nova agadfazo de la venezuela esperantistaro.

EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND'




novaĵletero de UEA-Komisiono por Ameriko
aperas dufoje en la jaro (Junio kaj Decembro)

**Redaktanto**
James Rezende Piton
Av. João Batista M. do Canto, 257/J2
Campinas (SP) , BR-13031-210, Brazilo
kaj +55 (19) 3272 5212
james.piton@iname.com

**UEA-KOMISIONO POR AMERIKO**

**UEA-Komisiito por Ameriko**
Atilio ORELLANA ROJAS
Riouwstraat 172, NL-2585 HW
Den Haag, Nederlando
+31 (70) 355 6677
+31 (70) 358 4422
iei001@worldonline.nl

**UEA-estrarano (Landa Agado)**
Renato CORSETTI (Palestrina, IT)
**Argentino**
Rubén DIACONU (Pcia R. Sáenz Peña)
**Brazilo**
James REZENDE PITON (Campinas)
**Kanado**
Suzanne CARON-RICHER (Ottawa)
**Kostariko**
Hugo MORA POLTRONIERI (San José)
**Kubo**
Juan Ramón RODRIGUEZ (La Habana)
**Meksiko**
Leonora TORRES y TORRES (México)
**Urugvajo**
Eduardo TRAPANI (Montevideo)
**Usono**
Bill MAXEY (Powhatan)
**Venezuelo**
Juan Eduardo BACHRICH (Caracas)




UEA-Komisiono por Ameriko  al la Indekso